INFORMILO POR AMIKA RONDO DE ESPERANTAĴ-KOLEKTANTOJ




15. 1. 1969 Nr. 2

## Karaj AREK-anoj

Mi konstatas hodiaŭ, ke AREK nun ekzistis kvaronjaron. Ni daŭre laboras, kaj ni ĉiam pensas pri la estonta agado.

Ni nun akceptis 28 membrojn, do jam superis la kvanton diskutitan je la komenco. Ni tial altigis la membrokvoton ĝis 35 por ne tute stagni. Sed ni atentigas, ke ni absolute nur akceptas membrojn, kiuj estas konataj de aliaj malnovaj membroj, kiel sinceraj kaj aktivaj kolektantoj de Esperantaĵoj, kaj aldone mi povas diri denove, ke aliaj kolektobjektoj ne havas intereson en nia rondo, eĉ se Arekanoj same kiel ĉiuj aliaj kolektantoj interesiĝas pri pluraj aliaj fakoj.

Ni estas ja ne asocio en konkurenco kun aliaj organizoj, kiuj simple akceptas ĉiuspecajn

kolektantojn, se ili nur estas Esperantistoj. Ni estas eta, limigita kaj amika rondo de kolektantoj, kiuj kolektas Esperantaĵojn. Ne pli.
Nia celo estas precipe en nia informilo doni informojn pri novaj (kaj malnovaj) eldonoj de Esp-pm.j, -tutaĵoj, -stampoj kaj -glumarkoj Ekzistas ja multaj aliaj Esperantaĵoj kolektindaj, sed la spaco en "Fenikso" ne permesas, ke ni okupas nin detale pri tiuj. ekz.: Poŝtkartoj private eldonitaj kun teksto en Esperanto pri diversaj temoj, - kaj plie trans la gazetoj, revuoj kaj buntaj turist-broŝuroj al (la pli grava), nia impona Esperantoliteraturo. Ni volonte nomas ĉiun fakon, kiu interesigas la unuopajn membrojn en la adresaro.
Mi dankas vin ĉiuj por la helpo kaj apogo. Ĉiuj pagis sian kotizon, kaj ni nun estas trankvilaj rilate al 2-3 numeroj pli de "Fenikso".
Nia redaktoro faras tre malmultekostan laboron, kaj tial speciala ~~danko~~ iras al li.
Frank Tichý promesis prizorgi "Poŝtstampan Bankon"; sed ankoraŭ ni ne trovis solvon pri starto de " Glumarka Banko ". Vladimir Váňa ne povas surpreni al si la taskon, ĉar, kiel li prave diras: Ĉiuj antaŭaj "Bankoj" pli - malpli fiaskis. Oni ne ankoraŭ trovis praktikeblan metodon por la funkcio de tia banko.
Sed Váňa promesis, ke li laŭpove volonte helpas ĉiujn Arekanojn, kiuj skribas al li pri havigo de glm aŭ simila. Li mem havas multajn duoblaĵojn por interŝanĝo aŭ vendo.
Por mia propra parto mi povas diri, ke mi havas plurajn duoblaĵojn de poŝtmarkoj, kaj eble mi povos helpu per ili. -
(Vendprezo: la kataloga ÷ 20 %.)
Mia korespondado ege kreskis, kaj kelkaj devas atendi iom, antaŭ ol mi povas respondi, sed mi ĉiam respondas, do havu iom da pacienco pro mia manko de tempo.
Fari novjarajn promesojn mi ne intencas. Mi nur ripetas, ke helpo per informoj k.c. est-

as ja ne nur tasko por la redaktoro kaj mi, ĝi estas tasko por ĉiuj Arekanoj.

Mi elkore dankas pro la multaj al mi senditaj novjarsalutoj, kaj fine mi deziras, ke vi trapaŝis la festotagojn feliĉe, kaj ke la jaro 1969 portos al ni ĝojon kaj prosperon. Amike

Ivar Paulsson

--- oOOo ---

## STAMPO-SERVO FONDITA

Plensimpatie mi bonvenigis fondon de AREK, ĉar ĝi estas identa kun mia imago pri la plej taŭga formo de societo por ni; ne tro granda rondo de fervoruloj, kiuj estas pretaj amike helpi unu la alian. Dependas nur de ni ĉiuj, se ni havos de AREK pli da ĝojo kaj utilo, ol ni havis de antaŭaj organizaĵoj. Tion ni akiros nur, se ni ne pasive atendos, kian utilon faras la rondo por mi? sed se ni laŭ nia emo kaj povo helpas al proklamita celo, esti kiel eble plej utila al la membroj.

Kaj per kio konkreta povas kolektant-rondo esti utila al siaj membroj? En niaj cirkonstancoj mi proponas precipe atenti du kampojn kie estus eble al ni ŝpari tempon kaj zorgojn. Ili estas INFORMADO pri novaĵoj kaj ilia PRIZORGADO. Mi ĉiam klopodis kapti la stampojn tuj post ilia apero, ĉar prokrasto de du-tri jaroj povas kaŭzi, ke oni vane dum pluraj jaroj devas serĉi la stampon.

Post interkonsento kun amikoj Paulsson kaj Váňa mi do fondas S t a m p o - s e r v o n kaj vokas niajn membrojn al kunlaboro.

Ĝia celo estos utili al la membroj multflanke: informi pri novaj stampoj sur paĝoj de Fenikso, ebligi interŝanĝon de niaj duoblaĵoj, prizorgi por la membroj novajn eldonojn kaj - gajni rimedojn por pli ofta aperado de Fenikso.

Por realigi tiun-ĉi planon mi nun bezonas helpon de vi ĉiuj en kelkaj punktoj:

1) Por akiri bazan interŝanĝmaterialon mi petas vin d o n a c u al fonduso de Stampo-servo ĉiujn stampojn en kiu ajn kvanto el viaj duoblaĵoj, kiujn Vi persone ne povos uzi en proksima estonteco por direkta interŝanĝo.
Ĉiu el ni, kiu kolektis pli longe, havas kvanton da tiaj stampoj - por ni mem neuzeblaj, sed kiuj tamen povas bone servi al komencantoj en nia aŭ en aliaj kluboj. Estu malavaraj kaj sendu la materialon direkte al mi. El kunkolektita materialo mi ellaboros por venonta numero de Fenikso liston. Por instigo mi elektis el miaj duoblaĵoj kiel unuan donacon 30 stampojn.
2) Sciigu al mi aŭ al la redaktoro ĉiun informon pri aperonta aŭ jam aperinta nova stampo, precipe precizajn uzo-tempon kaj koloron.
3) Tre grava estas mia alvoko starigi reton de volontuloj por liverado de novaj stampoj. kaj mi petas a n o n c u vin por tiu servo; Servo de stampo-liveranto. En unua numero de Fenikso mi legis kun ĝojo, ke nia ŝatata amiko GIL estas preta havigi stampojn, kiuj aperos en Hispanujo. Mi mem estas preta prizorgi ĉiujn novajn stampojn el Ĉeĥoslovakio.
Kaj jen mia alvoko: en ĉiu lando ni bezonas havi almenaŭ unu tian volontulon, kiu prizorgos por la Stampo-servo novaĵojn el lia lando.
Laŭ adresaro en Fenikso ni jam havas membrojn en 10 landoj, kaj mi konsilas akcepti plurajn membrojn, se ili estas el lando, kie ni ankoraŭ ne havas volontulon. Se ni tiamaniere sukcesus konstrui reton de novaĵ-servo en landoj, kie aperos Esp-stampoj, tio estus granda avantaĵo por nia amika rondo.
Samtempe mi akceptas abonojn por la novaĵservo, provizore nur por landoj Hispanujo kaj Ĉeĥoslovakujo. La abonojn mi disvastigos al aliaj landoj konforme kun tio, kiel sin anoncos volontuloj de la koncernaj landoj. Por tiu abono sufiĉos simpla poŝtkarto al mi.
De mia lando, ĈSR, vi povas aboni eĉ pli

grandan kvanton de novaj stampoj, ne nur unu pecon. De Hispanujo estos tio ebla nur post interkonsento kun amiko GIL. Volontulojn, kiuj anoncos sin por aliaj landoj, mi petas sciigi, ĝis kia nombro de nova stampo ili povas prizorgi por la novaĵ-servo.

Ĉar mi intencas per la Stampo-servo ankaŭ krei financan helpilon por nia informilo, mi proponas (por havi simplan kalkuladon) aĉeti la stampojn de liverantoj por 1 rpk - kaj vendi ilin al abonantoj por 2 rpk. La gajnota mono estos uzata por pli ofta eldonado de Fenikso.

Ĉiu, kiu kunlaboras kun Stampo-servo, ĉu kiel liveranto aŭ abonanto (aŭ en ambaŭ funkcioj) havos sian personan konton kun preciza kalkullado. La poŝtelspezojn mi al neniu kalkulas kaj tiamaniere mi esperas servi plej bone al ĉiuj membroj.

Tiom pri miaj planoj koncerna fondita STAMPO-SERVO kaj nun mi petas ĉiujn legantojn montru sian opinion, kritikon aŭ sugestojn por la estonta laboro, kaj precipe subtenu la STAMPO-SERVOn per donaco de viaj duoblaĵoj, precipe po kelkaj pecoj de lastjaraj stampoj sur kovertoj - sed ni akceptos ĉiun materialon.

Frank Tichý

8888

## DIFERENCOJ KAJ KLARIGOJ.

Kiel konate estis por la 51a Universala Esperanto Kongreso en Budapest 1966 faritaj 2 diversaj glumarkoj, el kiuj tamen nur la unu estis vendita. La eraro estis, ke oni sur la unua eldono presis neĝustajn tagojn, kaj tial oni komprenenble devis kasacii tiujn markojn kaj presi novajn.

Ĉar nur malmultaj kolektantoj konas la kasacitan eldonon, mi ĉi tie montras bildon de ambaŭ, tiel ke vi povas fari komparon.






Sur la ĝusta marko oni tute ne nomas la datojn, nur la jaron. La nombro "51" estas levita ĝis super la ponto, kaj oni faris la blankan ŝildon trieĝa anstataŭ neregule kvareĝa. Plie sur la ĝusta ŝildo la malgrandaj flank-fakoj estas pli mallarĝaj kaj verdaj anstataŭ bluaj. Do estas granda diferenco.

□

- oOOo -

EROJ de LETEROJ

kun □ - rimarkoj

15-10-68 skribis Rudolf Burmeister:

...Mi gratulas pro via unua numero de Fenikso. en ĝi mi legis ĝuste tion, kio min interesas. ...Interesa ankaŭ la peco pri la nova ĉeĥa pm. Kontraŭe al la verkinto mi opinias, ke temas pri vera Esp-pm, ĉar la slipo kun la esp-teksto formas unuon kun la 4 markoj. Ĝi estas poŝtoficiale eldonita. Eble oni nomu ĝin pli bone pm-bloko apartenanta al la temo Esperanto. Mi multe meditas pri la aserto, ke la bavaria pm ankaŭ ne estas Esp-pm. La historion de tiu pm mi

ankoraŭ provos esplori. Malgraŭ mia meditado, ĉu jes aŭ ne Esp-pm mi estas feliĉa, ke mi posedas ambaŭ.

□ Mi gratulas vin pro via posedo. Persone mi nur bedaŭras, ke mankas al mi la bavaria. Vi proksimiĝis al la vero dirante, ke tiuj pm.j apartenas al kolekto pri temo Esperanto, kaj la kerno de nia ne-unueco estas nur, ke mi ne volas aprobi tiujn 2 pm.jn kiel Esperanto-poŝtmarkojn, kiujn oni povas klacifiki kaj numerigi en la sama vico kiel aliaj pm.j en -katalogo.
Sed komprenable malgraŭ tio oni tre klopodas havigi al si la markojn pro la "temo".

15-10-68. Jean Amouroux :

..Pasintan semajnon kun granda ĝojo mi ricevis la unuan numeron de "Fenikso". La formato kaj la prezento de tiu informilo estas tre agrablaj kaj tre taŭgaj. Mi deziras longan kaj prosperan vivon al la rondo kaj ĝia informa organo. - Tre certe la artikolo pri la ĉeĥa poŝtmark-bloko Praga 1968 alportos al la redaktoro malsamajn reakciojn. Miaj konkludoj estas:

1) La katalogo Yvert & Tellier nomas la markon kiel Aerpoŝto nr. 67. 5 kcs. La unuopa marko ne rilatas al Esperanto. En tio s-ro Jensen estas prava.

2) La kompleta folio je 4x5 kcs havas propran numeron en Yvert & Tellier, nome: nr. 33, kaj konsekvence de tio temas pri alia afero ol ĉi supre. Mi estas konvinkita, ke kompleta folio estas nedubinda, vera Esperanto-filatelaĵo -

□ Jes, tion mi ankaŭ opinias. Sed la afero estas, ke oni por havi Esperanto-filatelaĵon estas devigata havi aŭ paron kun talono - aŭ tutan folion, - kaj havanta tion, oni tamen ne havas Esperanto-poŝtmarkon.
Tial mi daŭre insistas, ke mi ne donas katalognumeron al tiu marko (folio) en mia Glu-

marko-katalogo (en kiu ankaŭ la Esp-pmj estas nomitaj). En tio ne estas io grava, ĉar mia opinio ja ne havas devigan signifon por aliaj kolektantoj.
Mi nur povas bedaŭri, ke oni povas prave diri, ke mi estas nekonsekvenca, ĉar mi pri la glumarkoj ne praktikas la saman striktan sintenon. Mi numerigis plurajn glumarkojn, kiuj tute ne portas Esp-tekston sur si mem, -nur sur la folirando. Konsekvence de tio mi ankaŭ devus aprobi ĉi tiun pm-folion.
Sed mi ne faras tion. Oni devas juĝi pli severa kaj strikta pri pm ol pri glm.
La plej logika solvo estas tiu de Y&T: meti la markon en du diversaj serioj kun propraj numeroj. Analoge kun tio mi povus fari apartan numervicon: TP = Talon-pm kaj nomi la 2 diskutitajn markojn tiel: TP 1 kaj TP 2.

2-11-68 skribis Werner Simon:

...Volonte mi fariĝos membro de via nova rondo kaj dankas vin pro la invito. Mi partoprenas kun ĝojo rondon, kies ĉefa intereso estas nia kolektado. Legante la artikoleton "Esp.-poŝtmarko" sur paĝo 4 de Fenikso mi tute konsentas, tiaj eldonoj ne estas pm esperantaj. Tamen mi rekomendas tian dividon de nia temo:
1) Pm rilate al Esp-kgr, Esp-jub k.s.
2) Pm sen Esp-temo, sed kun Esp-teksto.
3) Pm kun talono, sur kiu talono estas
   Esp-teksto aŭ -rilato.
Sed tiu aranĝo estas nur mia persona prefero, kaj kompreneble ĉiu kolektanto povas aranĝi sian propran kolekton laŭ persona gusto.
Mia kolekto tamen enhavas kaj la bavaran kaj la ĉeĥan talonmarkojn.
Same ni povas dividi Pk.jn (tutaĵojn). Ekz.:
1) Pk kun surpresita pm rilate al kgr, jub k.s.
2) Pk kun aldona teksto en Esperanto rilatanta al Esp-kgr. k.t.p., kvankam la pm ne estas esperanta (sed ordinara). Ekz.: Danzig).

3) Pk kun aldona teksto en Esp. sen rilato al Esperanto mem. (Ekz. rusaj, brazilaj k.c.) Ili ankaŭ ne estas Esp-Pk.j, same kiel la talona pm ne estas Esp-pm.

Tiaj dividoj komplikas nian kolektadon.....

□ Jes, dankon pro viaj difinoj, kiuj estas bonaj kaj pensigaj. La konkludo estas sama ĉe ĉiuj Arekanoj kaj pravigis ambaŭ niajn vidpunktojn: 1) Ne temas pri Esp-pmj sed 2) la objektoj tamen apartenas al la temo Esperanto, kaj tial ili havu lokon en temo- aŭ motiv-kolekto pri Esperanto.
Vi pravas, ke tiaj dividoj nur komplikas la aferon, sed oni ja ne bezonas aranĝi sian propran kolekton konforme al **ili**. Alia demando, se oni pripensas logikan dividon kaj aranĝon en katalogo.
Mi ne tute samopinias pri via konkludo rilate paraleligo de viaj du grupoj "3".
Laŭ mi Pk (=tutaĵo) kun klariga teksto parte en Esperanto estas vera Esp.pk pro tio, ke kolektantoj de tutaĵoj ne nur prijuĝas la presitan pm.n, sed la tutan tekston.
Je Pm grupo 3 estas la talono flanka afero, flanka reklamo, kiu je la natura uzo de la pm estas forŝirata. (Tial ekzistas en niaj tagoj tiel malmultaj de la bavaria pm).
Nur se la uzanto de talon-pm estas filatelisto, li eble povas taksi la plian valoron, se li prizorgas, ke la pm kaj la talono restas kune. Pro tio pendas ĉe talon-pm.j io artefarita, konstruita.
Tial estas praktika teni tiujn pm.jn en aparta grupo (via 3a), ĉar malgraŭ ĉio ili ja estas valoraj filatelaĵoj.

25-12-68 skribis <u>Frank Tichý</u>:

Mi legis kun intereso la artikolon en Fenikso nr. 1 pri "Esperanto-pm PRAGA 1968" kaj mi plene konsentas, ke ĝi ne estas de faka vidpunk-

to Esp-pm, samo pri la bavara de 1911.
Komprenebla ili ambaŭ troviĝas plenrajte en niaj Esp-kolektoj; ĉar ili estas veraj poŝt-aĵoj, sed mi jam konsilis al V. Váňa, verkinto de tre preciza katalogo de Esp-pm.j ke li grupigu ambaŭ en eventuala dua eldono de la katalogo sub aparta grupo: Pm kun kuponoj (talonoj).
Temas pri katalogaj numeroj 1 kaj 52.
Tuta kvaro, kiel la ilustraĵo sur pĝ. 5 de Fenikso, estu parto de ĉiu Esp-kolekto.
Ĝi estas ankoraŭ ricevebla en niaj ŝtataj filatelaj vendejoj por Kčs 50:-. Kaj mi estas preta prizorgi ĝin por egalvaloro (post interkonsento) al niaj membroj.

-

4-11-68. skribis Chamaret Gustave:

Via letero alportis al mi grandegan ĝojon pro via ideo grupigi kolektantojn de Esperantaĵoj en amikan rondon. Mi konsentas al via propono kaj -arde- deziras aliĝi al via AREK.
...Iomete pri miaj pensoj rilate al AREK: Necesa estas, ke kelkaj reguloj ekzistas, sed malmultaj, ĉar la membroj ĉiuj estas veraj kolektantoj de Esp-aĵoj kaj unuavice interesigas sin pri la kolektado....La kvanto de membroj povas esti nur 25 dum la unua jaro, sed poste ni certe devos akcepti plurajn. 25 estas tro malmultaj. Ĉiuj membroj havas ja siajn amikojn, kiuj certe same deziras aliĝon, kaj vere estas malagrabla afero rifuzi tiajn dezirojn. Ni povus ekzemple ĉiun jaron altigi la kvoton kun 5.
...Mi opinias, ke du bultenoj jare ne sufiĉas. Ni havu minimume tri. Grave estas, ke en ĉiu numero estas rubriko, en kiu la membroj povos libere demandi - respektive respondi pri diversaj temoj pri la kolektado...

-

- Pri la membrokvoto mi povas diri, ke vere montriĝis, ke pligrandigo estas necesa. Ni jam preterpasis la 25-limon, kaj ni ankoraŭ havas liston pri proponitaj anoj. Same ni

deziras havi anojn en pluraj diversaj landoj, kio ja estas pli efika ol havi plurajn anojn en sama lando. La gvidanto tial jam altigis la kvoton por 1969 al 35.
...Se ĉio marŝos bone mia plano estas elsendi Fenikso'n ĉiun kvaronjaron = 4-foje jare. ĉar nia ekonomio ŝajne (per iom da apogo) povas porti tion.
...Jes, ĉiu ano povas libere demandi al la informilo kaj ensendi artikoletojn. La redaktoro havu la rajton adapti tion rilate al la spaco en la informilo.

-

8-11-68. skribis <u>Jánis Rukŝáns</u>:

...sed ŝajnas al mi, ke nun "Fenikso" estas por ni Esperantaĵ-kolektantoj pli bona rimedo, ĉar aliloke oni ĉefe parolas pri pm.j, etikedoj k.s.
...Mi certe vin ĉiam informas pri ĉiuj novaĵoj, kiujn mi akiros...

-

□ Dankon! ankaŭ en via nuna letero, same kiel en via antaŭlasta, vi povis raporti pri kelkaj hungaraj glm.j de 1967, ne konataj de mi. Mi priparolas tion por montri al la grava manko en AREK, la manko de <u>aktiva</u> membro kaj raportanto en Hungarujo, ĉar en tiu lando multaj Esperantomarkoj estas eldonataj.
Kaj mi uzas la okazon por repetita alvoko al ĉiuj AREKanoj: raportu pri ĉiuj novaĵoj, ne nur de via propra lando - sed ankaŭ, almenaŭ pri novaĵoj de landoj, en kiuj ni ankoraŭ ne havas membron. Eble ni tiumaniere estonte povos esti pli certaj pri ekkono de ĉiuj aperoj. - Ni helpu unu la alian!

□□□□

<u>G L U M A R K O J 1 9 6 8 . (Daŭrigo)</u>

13) 23-a SAT-amikara kgr. Tuluzo (Toulouse). Francujo. 13-16/4. Urbdomo kaj avidadilo, Ruĝa kaj verda. Nedent.

14) 37a bulgara Esp-kgr. Varna. 19-21/5. Marborda hotelo kun kajo. Teksto nur en cirila skribo. Helblua kun verda steleto.

15) Venu al Toronto. Esperanto-kgr 28-30/6. Nigra teksto inter 2 punktitaj linioj




16) Fol A kaj B de marko katalognr. 715 troviĝas kun nigra surstampo sur ĉiuj markoj: (stelo), Turista Junulara Esperantista Klubo de Riga "Estonteco" Riga pk 441.

## G L U M A R K O J 1969.

1) 34a novzelanda Esp-kgr. Blenheim, 2-6/1. Trapikita fol. Totemfosto. Blanka teksto sur bruna fono kun verda stelo.

2) 24a SAT-amikara Esp-kgr. Paris. 5-8/4. (cirlo d.40) Blanka, malhelblua kaj verda. Stelo kaj karavelo de la pariza blazono.

3) 21a IFEF-kgr. Avignon. Francujo. 17-23/5. Nigra bildo en 2 verdaj, interplektitaj ringoj.

4) 54a UK. Helsinki. 26/7-2/8. La bildo dividita en 2 fakoj. Maldekstre: Kastelo sur ruĝviola fono. Dekstre: Teksto spiralforma nigra kaj verda.

5) 42a SAT-kgr. Novi Sad, Jugoslavio. 3-8/8. Urba blazono kaj "manpremo". Ruĝa kaj verda. Sama pligrandigita bildo sur Pk eldonita de la organiza komitato. □

## ESPRANTO STAMPOJ

| | | |
|---|---|---|
| | 1967 | Ekspozicio |
| Novi Sad Jugoslavio | 22/9 | Ineksĉasofila 67 a) UTK, Eksp. b) Balonflugpoŝto |
| | 1968 | |
| Międzygórze Polujo | 17-30/9 | 4a int. esperantista ferio |
| Bystrzyca Klodzka Polujo | 28/9 | 4a int renkontiĝo de l'amikeco |
| Bialystok 1 Polujo | 7-13/10 | Internacia semajno de korespondado |
| Olsztyn Polujo | " " | " " |

## INEKSĈASOFILA 1967.

Multaj kolektantoj certe estis surprezitaj, kiam ili trovis en mia listo de stampoj por jaro 1967 la supre menciitan stampon el NOVI SAD, Jugoslavio; kaj kelkaj eĉ ne trovas, kion komunan havas tiu stampo kun Esperanto. -

Same surprezita estis mi, kiam mi legis en ĉeĥa filatela gazeto (nr. 19 el 10-a okt. 67), ke en kadro de internacia ekspozicio pri ĉas ado kaj fiŝkaptado en Novi Sad estis aranĝita en tagoj 22/9 - 5/10 1967 ankaŭ Unua Internacia Motiv-pm.ekspozicio INEKSĈASOFILA 67. Kvankam la gazeto ne mencias Esperanton, ĝi notas, ke la enigma nomo de la ekspozicio estas mallongigo de INternacia EKSpozicio FILAtelia de ĈASaDO kaj fiŝkaptado. Ĉu vi nun vidas la rilaton al Esperanto, karaj legantoj ?

Vi povas imagi, kiel ekbatis mia koro, kiam mi en la artikolo ankoraŭ legis, ke okaze de la ekspozicio estis eldonita serio de 4 pm.j,

kaj ke oni eldonis specialan UTK.n.
Post longa serĉado mi esploris, ke la serio de la 4 pm.j tute ne portas mencion pri la okazo de ilia eldono, do ni ne povas konsideri ilin Esp-pm. Sed dum la unua tago de la ekspozicio oni uzis 2 stampojn, kiuj portas la nomon INEKSĈASOFILA, eĉ kun Esp-supersigno, kaj tiuj stampoj apartenas al niaj Esp-kolektoj.
1) speciala stampo por UTK, sur kiu estas designita cervo-kornaro ĉirkaŭita per ronda en skribo: INEKSĈASOFILA 67 - I MEĐUNARODNI FILATELISTIĈKA IZLOŽBA. Inter la kornoj troviĝas vortoj NOVI SAD kaj dato 22.IX.1967. La stampo estas presita en bruna koloro sur la koverton, antaŭe afrankitan per pm en valoro 0,3o Din, samtempe kun bildo en maldekstra parto de la koverto, sur kiu estas staranta cervo.
2) Okaze de balona flugo, organizita dum la inaŭguro de la ekspozicio, de Novi Sad al vilaĝo Nadalj, oni transportis poŝton stampitan per speciala nigra manstampo en formo de balono. Supre ĉirkaŭ la balono estas surskribo: INEKSĈASOFILA 67, en mezo de la balono la dato 22-9-1967, sube NOVI SAD. Poŝto, fakte per la balono transportita, havas poŝtan alvenstampon de Nadalj. Estis eldonitaj specialaj aer-kovertoj kun ruĝa alpreso de balono kaj nomo de la ekspozicio en jugoslava kaj franca lingvoj.
Ambaŭ stampoj estas maloftaj, sed precipe la balona verŝajne estos unu de la plej raraj stampoj el lastaj jaroj.

Frank Tichý

---

## L A M E M B R O L I S T O

Korektigoj:

16) Emilio Folgado Lopez,
Arias Montano, 15. bajo, dcha.
Badajoz. Hispanujo.
Kol. Pm Sta Glm

13) Arne Bengtsson
Kol. Pm Glm kaj Esp-libroj

Novaj membroj

18) Helmut Rath. Via Pradamano 49,
I - 33100. Udine, Italio
Kol.: Pm Sta Glm

19) Jean Amouroux, 6. Av. d'Amélie les Bains.
F - 66. Perpignan, Francujo
Kol.: Pm Sta

20) L. J. Wulfers, Lindanusstraat 16,
Nijmegen. Nederlando
Kol.: Pm Sta Glm

21) Bielak Stefan, ul. Nowotki 24 / 19.
Inowroclaw. Pollando
Kol.: Pm Tut Sta

22) Arie Lakemond, G.P.Duuringlaan 31
Ugchelen (Gld) Nederlando
Kol.: Pm Glm

23) Ivan Andrejeviĉ, Alekse Ŝantića 21 b / II
Novi Sad, Jugoslavio
Kol.: Pm Sta Glm

24) Chamaret Gustave, 59. Rue Jean Jaures,
F - 76. Saint Aubin lés Elbeuf.Francujo
Kol.: Pm Sta Glm Pk Ins Broŝ

25) Franz Mayer, D - 6. Frankfurt am Main,
Preungesheim an der Wolfsweide 34,
Germanujo. D.B.R.
Kol.: Pm Sta Glm

26) Werner Simon, 690. W. Suggs Drive.
Memphis, Tenn. 38117. U.S.A.
Kol.: Pm Tut Sta Pk

27) Jánis Rukŝáns, Blaumana 21 - 20,
Riga - 11. Latvio. U.S.S.R.
Kol.: Pm Sta Glm

28) Bohdan Wasilewski, ul. Kmicica 4,
Pruszkow - Ostoja. Pollando
Kol.: Pm Sta Glm

---

Ni gratulas !

En la eksp. de pm.j "Praga 68" niaj membroj Bartoŝik kaj Burmeister montris kolektojn pri la temo Esperanto.

Bartoŝik ricevis arĝentan medalon kaj honoran premion por la kolekto: "Historio de la internacia lingvo Esperanto".

Burmeister ricevis bronzan medalon.

Dum la 6a nacia, fervojista ekps. de filatelio, kiu okazis en Firenze, 1-4/11 68, oni admiris kolekton de pm.j pri Esperanto prezentita de la sekretario de Itala fervojista Esp-asocio "IFEA", s-ro G. Gimelli el Bologno. Li gajnis arĝentan medalon kaj diplomon.
Sur 18 tabuloj li montris ĉiujn Esp-pm.jn kaj poŝtkort-formataj reproduktaĵoj de ili.
Inter tiuj pm.j estis ankaŭ la okaze de Esp kgr eldonitaj unuatagaj kovertoj, specialaj poŝt - stampoj k.c. kaj poŝtkartoj eldonitaj okaze de la duon-centjaro post la morto de Dr. Zamenhof.

(Itala fervojisto)

Finvortoj:

Nun vi ankaŭ legis "Fenikson" nr. 2, kiu fariĝis pli "dika" ol normala pro la diskuto pri la ĉeĥa minifolio. Se vi havas sciigon por la venonta numero, la redaktoro kaj mi volonte aŭdos de vi - antaŭ la unuan de marto.

Diskutenda ankaŭ estas ebla kunveno de tiuj Arekanoj, kiuj vizitos la UK.n en Helsinki. Ni certe povos aranĝi renkonton, kie ni povas babili kaj interŝanĝi.

Pripensu tion.

Vivu AREK !

Ivar Paulsson

---

Mi elsendos numeron 3 la unuan de aprilo. R.J.